# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 16/08/2014 Cent sepdek oka eldono 16/08/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



Amikoj plilongigas la vivon Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

Pasigi tempon kun amikoj, laborkolegoj aŭ kun la familio, tio estas feliĉo kaj estas bone investita tempo. Kaj tiu "investo" eĉ provizas pluson sur nia konto de vivotempo.

Estis foje knabo kiu havis mafacilan karakteron. Lia patro donis al li sakon da najloj kaj diris al li ke li enmarteligu ĉiufoje najlon en la ĉirkaŭĝardenan lignan barilon, kiam li perdos la paciencon aŭ kiam li estos havinta disputon kun iu alia. Je la unua tago la knabo martelis 37 najlojn en la barilon. Dum la sekvaj semajnoj li lernis regi sin pli bone kaj la nombro de najloj kiujn li batis en la barilon ĉiutage reduktiĝis.

La knabo lernis ke estas pli simple regi sin mem ol daŭre bati najlojn en barilon. Tiam alvenis la tago dum kiu la knabo batis eĉ ne unusolan najlon en la barilon. Li iris al sia patro kaj diris al li, ke hodiaŭ li ne martelis najlon en la barilon. Je tio respondis lia patro ke li nun forprenu najlon el la ĉirkaŭĝardena barilo kiam li sukcesos regi siajn emociojn kaj resti pacienca.

Multaj tagoj pasis sed tiam la filo povis raporti al la patro ke li forprenis ĉiujn najlojn el la barilo. La patro gvidis la filon al la barilo kaj diris: "Filo mia, tion vi bone faris, sed vidu kiom da truoj vi postlasis. La barilo neniam plu aspektos kiel antaŭe. Se vi disputas kun iu kaj diras vundigajn vortojn, tiam vi ĉiam postlasos vundojn kiel ĉi tiujn truojn.

Vi povas vundigi homon per tranĉilo kaj poste eltiri la tranĉilon, sed vi ĉiam postlasos vundon. Estas sensignife kiom ofte vi petas pardonon pro tio, la vundo restas. Vundo kiu estas kaŭzita per vortoj

doloras preskaŭ same malagrable kiel korpa vundo. Amikoj estas raraj juveloj, ili igas vin ridi kaj ili subtenas vin. Ili estas ĉiam pretaj aŭskulti vin se vi bezonas ilin. Ili ĉiam staras malantaŭ vi kaj malfermas sian koron. Montru al viaj amikoj kiom vi amas ilin."

Principe amikaj interrilatoj estas la plej grava posedaĵo kiun vi havas, ĉar ili donacas vivotempon. Donacu vian tempon, kaj ĝi revenos duoble. Pasigi sian tempon kun amikoj kaj parencoj: Tio estas feliĉo, tio estas vivo.

Homoj kiuj sentas sin feliĉaj, plej ofte estas pli sanaj kaj pri tio decidas nek riĉeco nek prestiĝo sed amikoj kaj amanta partnero. Vidvoj mortas pli frue, solvivantoj malsaniĝas pli ofte. Por vivi pli longe necesas havi plurajn amikojn kaj ne nur vivopartneron. Pro tio gravas flegi amikecojn kaj investi tempon por ili. Sed tiu investo revenos kaj alportos al vi pli da feliĉo kaj pli longan vivon.

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

## EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## 32. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. Preskaŭfino de la Participoj.



Krom antaŭ Substantivoj, oni povas uzi la Participojn ankaŭ kiel Predikativojn, ekz. "Ni juĝis lin ŝtelinta" kaj "Ŝi ŝajnas resti dormanta" kaj "Dum la promenado ni ne estos malsataj, ĉar ni estos manĝintaj" . Ankaŭ en ĉi tia uzo ili estas Adjektivoj, ne Verboj. Do se oni estas manĝinta, oni estas en certa stato, nome ke la stomako estas plena. Se vi hieraŭ vespere estis manĝonta, via stomako estis hieraŭ vespere malplena, pro ankoraŭnea manĝado. Kaj se hieraŭ vespere je la oka horo dudek-tri via leterskribado estis helpata de la lumo de lampo, ĝi helpatis ĝis fulmotondro ĉesigis la elektran kurenton tuj poste. Jen kelkaj pliaj ekzemploj: La hundo ŝajnas mortinta. Ne, sed ĝi certe estas mortonta. Nu, ĝi en ĉi tiu momento jam estas mortanta. La kvindek soldatoj jam antaŭhieraŭ estis senditaj al Irako. Ne, ili hieraŭ estis ankoraŭ sendotaj. Ne kredu tion, ĉar kiam mi vidis ilin hieraŭ, ili estis en la procedo esti sendataj. Se mi morgaŭ je la dekkvara horo preterpasos vian domon, vi aŭ jam estos foririntaj, aŭ vi estos forirantaj, aŭ vi estos forirontaj. (Kaj aŭ vi estu, estus, aŭ devas esti forirant/int/ontaj).

Marcel Leereveld.

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**




## Estas senpaga donaco

**Kvankam ĝi estas bona lernlibro**
**LA CELO ESTAS PROPAGANDILO.**
**Same kiel Grandbutikaj broŝuroj.**

**Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

**EFNSK kontribuas por la presado, disvastigo.**

**La laboro fari libreton, kiu povos esti sendata per la reto progresas bone. Roger**




maitland city council

# River Lights

## multicultural festival

## Sabato 11 Oktobro 14

Enhavos fremdlingvan sciigan lokon. Kiuj deziras volontuli por ĉeesti la feston?
Ni bezonos du 30-minutajn informdiskutojn kun uzo de Esperanto.
Demandas Andrew Spannenberg

Kiom da Esperanto Pocket TextBooks vi volas ? 300 ? Roger Springer




# Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. 24/08/14

# EFNSK AGM (Jarkunveno)

# 24/08/14 E.Domo 12tm

Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp.
kaj bonaj amikoj.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 21-an de aŭgusto, je la 19:00 (18:30)

## Centra-Marborda Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Dimanĉon, la 10an de aŭgusto, kvar esperantistoj kunvenis ĉe la kafejo "Bamboo Buddha" en Holgate: Gerry Phelan, Amy Friedman, Alan Turvey kaj Jonathan Cooper. Gerry parolis pri NASK (Nord-Amerika Somera Kursaro), kiun li ĉeestis en Kanado dum junio/julio; Jonathan parolis (kaj montris lumbildojn) pri "AMO-2" (dua UEA-seminario pri Aktivula Maturigo), kiun li ĉeestis, ankaŭ en Kanado, dum julio; kaj ni ĉiuj tradukis al Esperanto parton de amuza libreto "French for cats", kiun Amy alportis (ekz-e: "Mi ne kaptas Frizbiojn per mia buŝo.").



Raportis Jonathan Cooper

## Andreo Grzębowski FORPASIS



Fine de la 99-a UK en Bonaero subite forpasis la eminenta pola esperantisto Andrzej Grzębowski en la aĝo de 71 jaroj.
Temis pri la pola esperantisto kiu estis en Sidnejo pasintjare.
Mi pensas, ke enestis foto de li en AE tiam.
Amike, Nicole

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Partoprenantoj de la Aŭstraliaj Somerkursaroj en Kolegio Akvino de Nord-Adelajdo (inter 1989 kaj 1997) memoros ke la vizitoj de alilandanoj kun Monda Turismo gvidataj de Andreo Grzębowski al tiuj kursaroj kaj postaj rondiroj de aŭstraliaj urbegoj kun la helpo de Walentyna Fiszer Dolinska, ege kontribuis al la elekto de Adelajdo kiel Universala Kongresurbo de 1997.
Max Wearing

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Letero al Max Wearing

Andreo ne revenis de la 99-a Universala Esperanto Kongreso en Argentino...
Romeo, Lia filo atendis Lin lunde je Varsovia Aviadilejo vane...

Oficiale Regina kun Andreo kaj Romeo, filoj de Andrzej baldaŭ sciigos ĉiujn pri la morto kaj eventuale kaŭzo de lia morto...

Neoficiale kuracisto vizitanta la hotelon antaŭhieraŭ rimarkis LIN sidantan en fotelo - konstatis korinfarkton en la sonĝo...

Certe mi ankoraŭ skribos al Vi, pri la pluaj sciigoj.

Kun sinceraj salutoj kun granda malĝojo,

Walentyna Fiszer Dolinska

# Mi havas bonan novaĵon kaj malbonan novaĵon:

La MALbona novaĵo estas ke WebCity ankoraŭ ne refunkciigis la alŝutadon de (pli-malpli grandaj) dosieroj per WordPress (nia retej-enhav-sistemo).

La BONA novaĵo estas ke mi povas alŝuti dosierojn per baza 'FTP'-(File Transfer Protocol)-programo.



Do, plaĉas al mi anonci ke AE-176 kaj AE-177 nun aperas ĉe la retejo, en la kutimaj lokoj:

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Amike, Jonathan

## Heather kaj ge-Bishop partoprenis en la postkongresa ekskurso



Laŭ foto trovita en Fejsbuko Heather kaj ge-Bishop partoprenis en la postkongresa ekskurso al la akvofaloj de Igvasuo. La grupo vizitis ambaŭ flankojn (argentinan kaj brazilan) de tiuj famaj akvofaloj, kiuj estas Monda Natura Heredaĵo de Unesko kaj unu el la Sep Mirindaĵoj de la Natura Mondo.

Amike, Nicole